# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 18/10/2014 Cent okdek sepa eldono 18/10/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

Mi donis aliajn, po 50, libretojn al la manlia libra brokantaĵa butiko kaj al mia kuracista atendejo. Kion vi faris?

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 41. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO Kombinaĵoj de vortoj. D

En la antaŭaj kvar lecionoj ni montris la kombinadon de du tute memstaraj esprimoj. Tiun kombinadon karakterizis AŬ specialaj vortetoj konjunkciaj kiel "kaj", AŬ streketo.



Ni nun traktu la alian manieron de kombinado, kie unu el la partoj difinas aŭ ŝanĝas la signifon de la alia parto. Ĉi tiu maniero de kombinado nomiĝas "Subjunkcia". Ĝi okazas en kvin specoj, kaj ni unue traktos la kombinadon de kompletaj Propozicioj (= sentences, = bildoj). Nun unu el la Propozicioj difinas la alian, la ĉefan. La flankelemento, la difinanta parto, kutime komenciĝas per Subjunkcio, kiu ligas la difinantan frazon al la ĉefa frazo. Ekz. "Mi iros vidi operon, se biletoj ankoraŭ haveblos". La Subjunkcioj estas "ke, se, ĉar, dum, ĝis, kvankam, kaj kvazaŭ". Ekzemploj aperos en la sekvonta leciono.

Notu ke la signifo de la ĉeffrazo ŝanĝiĝas, ĉar aldoniĝas plia informo al la ĉeffrazo, ekzemple la tialo aŭ la kondiĉo, aŭ la tempo, aŭ la loko, k.t.p. Ekz. "Ili ankoraŭ ne scias, kie organizi la Kongreson". La flankfrazo funkcias kiel Subjekto aŭ Objekto aŭ, plej ofte, kiel Adjekto indikanta tempon, lokon, k.t.p., per adverbo funkcianta kiel Subjunkcio.

Marcel Leereveld. ★



## 3ZZZ Retradio Melburno

Mi komencis aŭskulti radion 3zzz, tiun de la 6a de oktobro. Heather parolas pri la UK kaj Marcel faris tre interesan prelegeton, ne pri gramatiko! sed pri sugesto pri nova leĝo por geedziĝoj. Eble ni povos diskuti pri tiu ideo dum la venonta somerkursaro. Amike, Nicole



★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

La periodo de la 11a ĝis la 26a de oktobro estas grava periodo por la radio 3zzz ĝenerale kaj aparte por la Esperanto grupo. Tiam okazas radiotono tio signifas ke ĉiu grupo devas arigi $1000 por ĉiu horo da elsendado tiel ke la programoj povu esti daŭre elsenditaj .

Tiu, kiu donacas $20 aŭ pli eniras loterion . La premioj estas kutime donitaj ĉirkaŭ Kristnasko.

Se vi opinias ke la programo en Esperanto estas utila 1) por la progresintoj same kiel por la komencantoj ĉar ili povas regule aŭdi eltiraĵojn kaj de la plej konataj revuoj en Esperanto kaj de ne tiom konataj revuoj, intervjuojn kantojn 2) por mallongigi la distancon inter la lokaj esperantistoj kaj tiuj de la cetero de la mondo, bonvolu finance helpi nin.

Ne sendu monon rekte al la radio ĉar tio estas erariga , kontaktu Henry Broadbent aŭ per la reto je henryngb@bigpond.com aŭ telefone 03 59832731; Eblas pagi per kreditkarto, ĉeko aŭ mono. Sed unue petu de Henry la numeron de la registrado de via donaco kaj nepre indiku ke ĝi iru al la Esperanto-programo.

La teamo ( 8 volontuloj je la momento) antaŭdankas la homojn, kiuj bonvolas donaci por la daŭrigo de la radioprogramo en Esperanto.

La kunvokanto,

Franciska Toubale

# Jen bona filmeto.

# Kial lerni Esperanton?



https://www.youtube.com/watch?v=dNjGRYSnuB4 Amike, Nicole

**Sendu vian fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero**

**Estonte mi ne uzos viajn fejsbukajn informojn, se vi ne sendas ilin al la Novaĵletero.**



Legi povas grave difekti vian malklerecon

Amike Nicole



**Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon** http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

# KLUBNOVAĴO



Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn. Sed malmultaj emas informi



Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj



# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nian lastan Skype estrarkunvenon (16/10/2014) ĉeestis Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO**

Ĝis hodiaŭ nur kvin personoj aliĝis. Ni devas reklami pli…. Helpu, se vi havas ideojn.
Reklamoj en AE, gazetkomunikoj,
Ekskursoj: Eureka Tower? Nacia Galerio?
Bankedo: japana restoracio(?)

*** RETEJO**

Jonathan raportis ke la novaj paĝoj estas pli malpli pretaj. Ili estas sur provizora retloko nuntempe, sed tre baldaŭ ili aperos sur la oficiala retloko.
Por vidi la paĝojn, iru
http://eo.org.au
Speciale rigardu la lokajn grupojn:
http://eo.org.au/local-groups/

*** ROBERT BUDZUL**

Ekde 2007 Robert Budzul estris la Libroservo de AEA.
Li mendis kaj vendis librojn eble ĝis minimume $1500 kaj dum la lastaj 18 monatoj, malgraŭ ke ni petis pagon de li multfoje kaj malgraŭ multe da promesoj, ĝis nun AEA ricevis nenion.

*** ARĤIVOJ**

Ni daŭrigu la serĉadon por bibliotekisto kiu povus ordigi nian arĥivon.
Helpu, se vi konas iun…

*** ESK**

Preta sed atendas esti presata. Ni ankaŭ intencas havi numeron antaŭ kristnasko.

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 30-an de oktobro, je la 19:00 (18:30)

Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

## Central Coast Esperanto Club

Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm.
The Sanctuary Cafe, Erina Heights
414 Central Coast Hwy, Erina Heights NSW 2260

Dimanĉon la 12an de oktobro la Centra Marborda-Klubo kunsidis.
Tre plaĉis al ni bonvenigi Beth-Maree-on por ŝia unua vizito.
Aliaj partoprenantoj estis Julie, Jonathan, Jo, Alan kaj Gerry.
Alan kaj Jo disdonis mallongajn teatraĵojn.
En du grupoj, ni elektis tiun kiu estas la plej amuza.
Jonathan ankaŭ skribis teatraĵon.
Ĉiuj lernis novajn vortojn dum tiuj agrablaj sesioj.
Amike, Gerry.



# AEA Arĥivoj ĉe Esperanto Domo



15 Okt Roger kaj Ian laboris iomete je la arĥiva ĉambro ordigante la arĥivojn. Multege da laboro bezonota

Iom da akvo envenis dum la ŝtormo. Ne estis kutima ŝtormo. Pluvegis, ventegis. Ne videblas la enirloko por la akvo. Eble ne estos posta problemo.

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj | Vidu<br>AE184 | Vidu<br>AE185 | Vidu<br>AE186 | Vidu<br>AE187 |
|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 |
| **Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | |
| **Esperanto Kafo Klubo De Kanbero** | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | |
| **Melburna Kafeja Grupo** | | AE185 | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | |
| **Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au** | | | | |
| **Sendu informon pri via klubo** | | | | |

# Ĉinujo ne havas horan diferencon tra Ĉinujo.




miaj okuloj ludis ŝercojn kiam mi vojaĝis de orienta ĝis okcidenta (Urunĉi) ni devis iri per trajnoj kaj busoj,kaj la horo de alveno ŝajne ĉiam estis la sesa vespere - 6:00 ptm. - kaj tiu tempo estis montrita en la granda horloĝo kiu havis la vorton BEIJING sur ĝia vizaĝo sed ofte estis aliaj horloĝoj kun 'eksterlandaj' tempoj.
Tio ŝajnis al mi ege interesa sed mi ne petis la kialon.
Ni ĉi tie havas kelkajn tempojn - orienta,suda, okcidenta - kun regulaj dividoj inter ili. Tio ne estas ebla en Ĉinujo ĉar la diversaj 'subregionoj' ne havas regulajn landllimojn, do klare ne eblas aranĝi 'somertempon' kiel ni havas.
Do mi miras - ĉu la tempperiodo de la tuta lando egalas al tiu de Beijing? Pro la longa distanco bezonata, ni kutime vojaĝis tra la nokto, kaj mi ne povis/bezonis ŝanĝi de orienta ĝis okcidenta tempo.
Oni ofte aŭdas ke trans la grandaj rusaj regionoj, oni iras tra kelkaj tempozonoj - sed pri Ĉinujo?
Kiu povas klarigi al mi? Margaret Chaldecott



# Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 26an de oktobro 11atm Estrara kunveno kaj poste amuz-programo.

**Bonvenon al Esperanto Domo** 143 Lawson Street, Redfern

Domo malfermite je 10.30 atm por prepari la domon por la kunveno.

La aferkunveno estos malfermita al ĉiuj venontoj kaj ĉiuj povos kontribui al la kunvenaj diskutoj.

Poste okazos lunĉo, kafo, amikaj interkonversacioj, diskutoj kaj videoj

Espereble ekestos amika, helpema etoso por subteni la uzon de Esperanto.

Tute senpaga.